Año IX (N.º 97)

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 1

ENERO 1957

PELAYO, 7

VALENCIA (ESPAÑA)

## A LOS ESPERANTISTAS ESPAÑOLES

Al iniciar con el nuevo año nuestras habituales tareas, los que tenemos el honor de representar al movimiento esperantista en España, saludamos cordialmente a cuantos tienen con nosotros identidad de miras, y les invitamos a considerar el panorama de nuestro campo de acción. En la estela de nuestro próximo pasado aún percibimos los claros destellos de los recientes congresos, que tan alto han puesto el pabellón del esperantismo español, ante los esperantistas extranjeros y ante el gran público de nuestro país, mereciendo además la favorable consideración de las autoridades. Ello nos da ánimos para emprender la inminente tarea, que nos impone nuestro deber: ¡el próximo congreso de Madrid! Esta gran reunión nacional ha de ser, para nosotros, como la piedra de toque que aquilate nuestro valor en el campo de la cultura. Todo esperantista debe, desde ahora, formarse el propósito de aportar su activa presencia, en beneficio del mejor desarrollo del Esperanto en España, loable empresa, llena de esperanzas, con alentador afán, que merece todo sacrificio y todo esfuerzo.

Sacrificio y esfuerzo que no regatearán en nada los que ocupan los puestos directivos, obligados moralmente por ello a ser los primeros en las tareas administrativas, con una labor prudente y constante, pero que desean también, como valiosa recompensa, verse correspondidos en el noble empeño de que todos —absolutamente todos— los que se llaman esperantistas en España, vengan al hogar que la Federación representa, ampliando con esto las posibilidades para una oportuna y moderna actividad informativa de nuestros honrados postulados.

El idioma internacional va conquistando ya en todo el mundo voluntades, sufragios y prestigio. Como españoles, debemos esforzarnos para que, en nuestra Patria, el nivel esperantista sea el más alto posible para que, al llegar el momento de la suprema decisión, podamos establecer con rapidez y eficacia la utilización general del Esperanto en nuestro país. Los incalculables beneficios morales que de ello dependen, bien merecen que todos perseveremos, con razonado tesón, en nuestra constructiva porfía.

Con esta alentadora consigna os saluda, en nombre de la Directiva de la Federación Española de Esperanto

EL PRESIDENTE

*Dr. Rafael Herrero*

### UNU REDAKTORO ADIAŬAS VIN...

*Kiel anoncite, kun la pasinta numero mi finis mian laboron, transdonante la taskon al nia kara amiko Luis Hernandez, kiu tiel kompetente jam redaktis nian gazeton dum ĝiaj kvin unuaj jaroj. Nun, post trijara ripozo, li reprenas la laborilon kun la sama fervoro, kiu karakterizas lin, kaj --se eble-- eĉ kun pli da kuraĝo, kiu neniam al li mankis por la esperantaj aferoj. Decas al mi danki la legantojn, pro ilia morala helpo, kun speciala mencio por nia altestimata samideano D-ro Rafael Herrero, Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, pro lia konstanta tre valora kunlaborado, kaj al mia anstataŭanto, Redaktoro Luis Hernandez, dank' al kies sperto kaj antaŭa laboro, mia tasko estis pli facila: mi devis nur puŝi la ĉaron, kiun li konstruis.*

*Ĝis revido!* JUAN BOSCH

### ...SED AKURATE, TUTE PRETA, SUR LA SAMA POSTENO, JAM STARAS ALIA!

**Saluton, amikoj! Denove en la devo preni la direktilon de nia kara bulteno, forte mi klopodos meriti vian fidon.**

LUIS HERNANDEZ



# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## TESORERIA

### BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1956

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **ENTRADAS** | | | | |
| Cuotas atrasadas | | 250'— | | |
| Cuotas del año 1956 | | 27.757'50 | | |
| Donativos durante el año | | 2.882'— | 30.889'50 | |
| Por anuncios y venta Boletines | | 1.892'— | | |
| Por venta tarjetas Congreso | | 150'— | 2.042'— | |
| Congreso de Gijón: su entrega | | 254'15 | | |
| Matrículas y diplomas: Gijón | | 215'— | | |
| » » Barcelona | | 440'— | 909'15 | 33.840'65 |
| **SALIDAS** | | | | |
| Cuota U. E. A. año 1956 | | | 1.059'— | |
| Material y gastos Secretaría | | 1.477'10 | | |
| Gastos de Tesorería | 788'30 | | | |
| Reintegros por reembolsos | 388'— | 400'30 | | |
| Correos y otros varios | | 1.097'20 | 2.974'60 | |
| Edición del Boletín | | 25.280'— | | |
| Resto compra metal imprenta | | 1.055'— | | |
| Sobres y gastos envíos | | 3.313'20 | 29.648'20 | |
| Gastos y material difusión | | 585'— | | |
| Gastos por Servicios Federación | | 349'25 | 934'25 | 34.616'05 |
| Déficit en el año 1956 | | | | 775'40 |
| Saldo en 31 de Diciembre de 1955 | | | | 4.905'25 |
| Saldo en 31 de Diciembre de 1956 | | | | 4.129'85 |

Valencia, a 31 de Diciembre de 1956

El Tesorero, *Ernesto Guillem*

---

## SECRETARIA

***Según recuento efectuado de las papeletas recibidas hasta el día de la fecha, han resultado elegidos por gran mayoría, para los cargos de la nueva Junta Directiva, los Sres. que a continuación se mencionan:***

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Presidente:** | **D. Rafael Herrero Arroyo** | — | **Valencia** |
| **Vicepresidente:** | **D. Mariano Solá Montserrat** | — | **Tarrasa** |
| **Secretario:** | **D. José Guzmán Guzmán** | — | **Valencia** |
| **Vicesecretario:** | **D. Pedro Marqueta Roy** | — | **Zaragoza** |
| **Tesorero:** | **D. Ernesto Guillem Tarín** | — | **Valencia** |
| **Vocal 1.º:** | **D. Juan Bosch Fornals** | — | **Valencia** |
| **Vocal 2.º:** | **D. Darío Rodríguez López de Silva** | — | **Madrid** |
| **Vocal 3.º:** | **D. Luis de Otaola y Faón** | — | **Bilbao** |
| **Vocal 4.º:** | **D. Oscar Yánez Miranda** | — | **Las Palmas** |

***De acuerdo con las vigentes disposiciones legales, estos cargos serán ocupados tan pronto como la Superioridad haya dado la debida conformidad al nombramiento.***

***Nuestro consocio D. Jaime Juan Forné desempeña ya, desde el día 1, las tareas propias de auxiliar de Secretaría en nuestras oficinas, cargo que le ha sido asignado por la Directiva y que garantiza un perfecto y puntual funcionamiento en los servicios administrativos de la Federación.***

Valencia a 15 de Diciembre de 1956.

El Secretario, *Ernesto Hurtado.*

# INDUSTRIO EN LA HERBEJO

Jes, la herbejoj industriiĝas. Almenaŭ tion mi konstatas en mia naskiĝejo kaj loĝloko, valo ĉe la bordoj de rivero Nalon; nuna vizitanto tute ne miras, vidante la tre diversajn fabrikojn, kiuj etendiĝas laŭlonge de tiu valo. Sed, kiuj ĉeestis la iompostioman instaladon de tiom da fabrikoj, tiuj nepre memoros nostalgie la iamajn verdajn herbejojn, kie trankvile paŝtiĝis la hejmaj bestoj, apud senmakulaj riveretoj. Oni memoros pri tio, ĉar nun la vidaĵo tute ŝanĝiĝis; la valo sin kovris per grandaj konstruaĵoj, kie laboradas miloj kaj miloj da homoj; la pejzaĝo sin ŝmiras ĉiutage per la nigra fumo de multaj fabrikoj kaj de multaj lokomotivoj; ĉi tiuj dum la tuta tago tremigas la teron senĉese tretante la diverslarĝajn paralelojn de fervojoj. La najbaraj montoj tagon post tago perdas sian verdan koloron, ili iĝas pli kaj pli nigraj. Tage kaj nokte svarmas super niaj domoj nigra fumo kun karberoj, kiuj malpurigas ĉiujn objektojn. Kaj pri la rivero? Ho, pri tio pli bone ne paroli, ĉar... kie estas tiuj pure travideblaj akvoj, kiuj vokis kaj logis al banado?

Tamen, mi pensas: ĉu vere oni devas bedaŭri tion? Certe, la pace fluantaj riveretoj. la verdkoloraj montoj kaj paŝtejoj ravis la spiriton; sed, oni devas ankaŭ konsideri, ke la homaro bezonas progreson kaj ke la progreso estas tio: plifaciligo de la vivo pere de tiaj iloj, kiaj aŭtomobiloj, lokomotivoj, komfortaj domoj, ĉiaspecaj maŝinoj k. t. p. Nu, kio havigas al ni tiajn ilojn kaj rimedojn estas la industrio, la fabrikoj. Cetere, apud tiuj fabrikoj, kiel natura konsekvenco, pro bezono, stariĝas lernejoj, gimnazioj, universitatoj, kiuj, instruante la homojn, ekde ilia infanaĝo, preparas ilin por la batalo de la vivo, klopodante, ke ili estu bonaj civitanoj, estontaj gvidantoj de novaj homoj en la rektan vojon de taŭga kunhelpo. Same, kaŭze de la industriiĝo, leviĝas hospitaloj kaj infanflegejoj, kiuj efike kontribuas al higieno kaj sano de la tuta komunumo.

Mi kredas do, ke oni devas kunhelpi en la kresko de la industriigo, helpante tiel la progreson kaj akcelante la pliboniĝon de la homaj vivkondiĉoj. Sed, ni memoru samtempe la pasintajn tempojn, kiuj ĉarmigis nian junecon; kaj ni konsciu pri tio, ke la nunaj generacioj, ne konantaj la *verdajn herbejojn*, kie nun kuŝas urboj, urbetoj kaj vilaĝoj, ĝuos la vivon kaj dorlotos la spiriton, ŝajne pli funde ol ni, sen ia bedaŭro pri tio, kion ili ne konis.

**Adonis GONZALEZ MEANA**
**Ciaño Santa Ana (Asturio)**

## 18.ª Hispana Kongreso de Esperanto

MADRIDO ● 23-28 JULIO 1957

**PROVIZORA PROGRAMO**

| | | |
|---|---|---|
| **Mardo 23** | **19.—** | **Interkona vespero. Disdono de dokumentaro.** |
| | **23.—** | **Koncerto.** |
| **Merkredo 24** | **11.—** | **Malfermo de la Kongreso. Unua laborkunsido.** |
| | **18.30** | **Ekzamenoj de Esperanto.** |
| | **20.—** | **Prelego.** |
| **Jaŭdo 25** | **10.—** | **Solena Meso.** |
| | **11.—** | **Ekskurso (tuttaga).** |
| **Vendredo 26** | **10.—** | **Dua laborkunsido.** |
| | **18.—** | **Fakaj laborkunsidoj.** |
| | **20.—** | **Prelego.** |
| **Sabato 27** | **10.—** | **Vizito al urbaj vidindaĵoj.** |
| | **16.—** | **Daŭrigo de la vizito.** |
| | **22.30** | **Oficiala Bankedo.** |
| **Dimanĉo 28** | **11.—** | **Oficiala Fotografado.** |
| | **12.—** | **Fermo de la Kongreso.** |
| | **18.—** | **Literatura Festo.** |

Kune kun ĉi tiu numero estas sendata la aliĝilo, kiu kredeble trovos bonan akcepton ĉe ĉiuj hispanaj esperantistoj por ke la nunjara nacia renkontiĝo en Madrido—tie mem, kie troviĝas la ŝtata administracia centro— estu vere impona montro de nia fervoro, de nia kapablo kaj de nia matureco por skizi aŭ eĉ jam entrepreni plej gravajn taskojn, antaŭ la oficialaj instancoj.

Krom tio, ankaŭ certe oni konscios, ke kelktaga restado, en agrabla kunesto, tra la variaj ĉarmoj de la belega hispana metropolo, estas per si mem tre loga evento, kiun ĉiuj deziros travivi.

Ne hezitu do! Rapidu jam nun aliĝi por ebligi plenan sukceson al

*18.ª Hispana Kongreso de Esperanto*

**Sidejo de la Organiza Komitato:**
**Corta Rica, 20, bajo A - MADRID**
**Poŝta adreso: Apartado 19.029 - MADRID**

**Monon oni sendu per ĝiro aŭ poŝtmandato al «Congreso Nacional de Esperanto», General Mola, 277 —Banco de Aragón— MADRID.**

# ĈASISTOJ DE MAMUTOJ KAJ BOACOJ

*El la libro* ***EL PRAHISTORIO DE HOMO*** *de Prof. D-ro Josef Augusta*

Fine de la pli malnova ŝtonepoko (paleolito) sur nia Tero vivis homaro, kiu antropologie jam neniel distingiĝis de la hodiaŭa homaro. Tial, ni nomas la tiutempan homon same kiel la homon hodiaŭan, t. e. *homo sapiens* (homo racia); por ke ni povu lin diferencigi de la homo de pli malfruaj periodoj postpaleolitikaj, eĉ de la homo hodiaŭa, ni aldonas al lia indiko ankoraŭ la vorteton ***Fossilis*** aŭ ***Diluvialis***, kion ni esprimus en Esperanto per la vorto «antaŭepoka».

Tiu ĉi antaŭepoka homo, ***Homo sapiens fossilis***, estas ofte nomata ankaŭ ***cromagnon-ano***, laŭ la plej multe reprezentanta tipo, malkovrita de Lartet en la jaro 1868[a], apud la vilaĝo Cro-Magnon, proksime de Les Eyzies en Francio. Postsignojn de kromagnonanaj sidlokoj ni povas trovi en la tuta Eŭropo. En Ĉeĥoslovakio ni konas restojn de kromagnonanoj el Predmostí apud Prerov (***Homo predmostensis***), el Dolní Vestonice, ĉe la rivero Dyje, el Brno, el la kavernoj de Mladeĉ, el Praha-Bodbaba, el la kaverno «Zlaty kůň» (Ora ĉevalo) apud Koneprusy, el la kaverno «Dzeravá skala» (Trua roko) apud Plavecky Mikuláŝ. Ilia fundamenta unuo sociala kaj ekonomia estis komence hordo, pri kies sangoparencaj ligoj ni ankoraŭ ne havas certajn imageblecojn. Pli malfrue ĝi estis jam pli perfekte organizita familiaro. La hordo, kaj eĉ la familiaro, vivis kune kaj kune zorgis pri kaŝejoj kaj vivrimedoj. Vivrimedojn ili havigis al si per kolektado kaj ĉasado; la ĉasado estis jam ofte tre evoluinta; kaj oni uzadis ĉe ĝi ruzaĵojn kaj artifikaĵojn (parforsa ĉaso: kaptado de bestoj en diversajn enfalilojn ktp.). La ĉefa ĉasbesto de la *aurignac*-anaj ĉasistoj estis grandega mamuto; tial, parolante pri ĉi tiuj ĉasistoj, ni nomas ilin ofte mamut-ĉasistoj. La ĉefa ĉasbesto de la *magdalénien*-anaj ĉasistoj estis boaco; do ni ofte nomas ilin boac-ĉasistoj. Krom tio estis multe ĉasataj bizonoj, prauroj, ursoj, sovaĝaj ĉevaloj, lupoj, vulpoj, leporoj ktp. Multajn ostojn de ĉi tiuj ĉasbestoj grandkvante ni trovadas en ĉiuj iliaj bivakoj.

Ili vivis en kolektivoj; tio estis necesa, ĉar unuopulo estis ne nur malforta, sed ankaŭ nesufiĉe armita. Hordoj kaj familiaroj estis estrataj de la plej kapablaj anoj kaj ili ofte ŝanĝis sidlokojn; tion ili faris ĉiam, kiam la ĉirkaŭaĵo de ilia sidloko perdis por ili gravecon, kiel ekonomia kaj vivtena bazo. La reciproka rilato kaj kontakto inter la unuopaj hordoj kaj familiaroj



***Bivako de mamut-ĉasistoj, verko de akad. pentristo Zd. Burian.*** **Laŭ J. Augusta kaj Zd. Burian**

estis, en vastaj teritorioj kaj en maldensaj sidlokoj. tute nur hazarda. Cetere, tio eĉ ne estis bezonata, ĉar ĉiu hordo kaj ĉiu familiaro estis ekonomie tute memstara Tamen, certe ekzistis iu interrilato, ekzemple, sur riĉaj trovlokoj de krudaj materialoj, ekz. fajroŝtono, sur ĉasterenoj k. s.; nur tiel eblas, ke en vastegaj regionoj la industrio havis komunajn tipojn. Ni havas pruvojn eĉ pri tio, ke jam en tiuj epokoj ekaperis la unuaj signoj de komerco transportanta krudaĵojn, ekz. sukcenon aŭ konkojn, kiuj servis por manufakturado de ornamaĵoj.

Pli alta evoluŝtupo ĉaseca, ebligita precipe per eltrovo de distancarmiloj, precipe ĵetlancoj kaj pafarkoj, povis pli bone sekurigi la estontecon de hordo aŭ familiaro. Ankoraŭ intensa ĉasado de iuj —ofte grandaj— bestoj provizis la komune mastrumantan unuon pli bone ol iam; kaj se ni aldonas al tio ankoraŭ eĉ riĉan ĉasterenon, ni ekkonis la plej gravajn kondiĉojn por pli daŭra restado sur unu loko, kion klare pruvas la unuaj provoj konstrui pli malprovizorajn kabanojn kaj kabanaĉojn, kiuj unuafoje estis malkovritaj de sovetaj esploristoj apud Puŝkari ĉe Desna kaj apud Kostjenki, sur la dekstra bordo de la rivero Don; postsignoj de similaj kabanaĉoj estis pli malfrue malkovritaj eĉ en Aŭstrio kaj en Ĉeĥoslovakio (Dolni Vestonice, Moravany kaj en Bárca apud Košice).

**Tradukis Milos RUDOLF**
OLOMOUC (Ĉeĥoslovakio)

---

## TRA EŬROPO PER ESPERANTO

Nia kara samideano Prof. M. Fernández Menéndez, publikigis en «Boletín de la Sociedad Uruguaya de Esperanto» artikolon en kiu li rakontas tiel sian vojaĝon tra Eŭropo:

«Dum tiu longa veturado tra Eŭropo mi havis okazon sperti la grandan praktikan valoron de Esperanto por vojaĝi tra landoj kies lingvon oni ne konas. Dank' al la Internacia Lingvo, neniam mi min sentis en soleco, neniam mi sentis min en fremda lando, tial ke ĉiam aŭ preskaŭ ĉiam mi troviĝis en Esperantujo, inter personoj kun kiuj mi povis amike interparoli, kaj kiuj ne nur min informis pri hoteloj, sed ankaŭ laŭeble min akompanis kaj gvidis, kaj eĉ ofte gastis aŭ regalis min tute sindoneme. Ĉi tiuj faktoj multfoje donis al mi la realan sensacion, ke mi troviĝas en mia hejmlando, inter malnovaj amikoj, malgraŭ ke mi estis je miloj da kilometroj malproksime de ĝi. Nun, post la vojaĝo, denove en mia hejmo, mia penso kaj mia koro iras dankeme al tiuj afablaj personoj kun kiuj mi interrilatis dum mia veturado. Al la delegitoj de U.E.A., kiuj informis min pri konvena hotelo; al tiuj gesamideanoj, kiuj min akompanis dum vizito al la urboj, aŭ ĝentile akceptis min, aŭ min gastigis aŭ faris al mi komplezojn, aŭ iel ajn priatentis aŭ faciligis mian trairadon, dankon!... dankon!... koran dankon! Ankaŭ korajn dankojn al Esperantaj Grupoj aŭ Asocioj, kiuj en mia persono omaĝis la urugvajajn gesamideanojn, pro kunlaboro en la atingita triumfo de Esperanto en la UNESKO, kaj al tiuj, kiuj tre afable akceptis min en sia sidejo. Korajn dankojn!»

---

## *LLAMADA A LOS ESPERANTISTAS ESPAÑOLES*

**Después de unos años de gestión en nuestro cometido y reconocida últimamente nuestra labor por la autorización del Ministerio de Educación Nacional, queremos emprender una campaña eficaz y fructífera, destinada a lograr nuevos alumnos.**

**La práctica nos ha enseñado que la mejor propaganda es la realizada directamente por los esperantistas mismos —sólo un esperantista nos ha logrado cerca de veinte alumnos, y otros varios también buen número de ellos,**

**Teniendo en cuenta esta experiencia, venimos a pedir el apoyo de cuantos lean estas líneas.**

**Actualmente cuatro samideanos de «Esperanto-Grupo Moyá» cuidan de esta importante Sección de la Federación. Durante dos horas, dos veces por semana, desarrollan el trabajo que implica esta importante empresa docente. Para aprovechar debidamente ese esfuerzo se necesitan muchos nuevos alumnos, y éstos han de inscribirse gracias a la propaganda efectiva desarrollada por todos los esperantistas españoles.**

**Encarecidamente os pedimos a todos que divulgueis nuestros Cursos. Si cada miembro de la Federación nos aportara sólo un nuevo alumno ya habríamos logrado mucho.**

**Podéis enviarnos listas de presuntos interesados —a los que nosotros escribiremos directamente— o bien pedirnos folletos de propaganda para su distribución.**

**Gracias anticipadas a todos.**

**CURSOS DE ESPERANTO POR CORRESPONDENCIA**
DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Calle Forn, núm. 19
MOYÁ (Barcelona)


En la lernejo de Schagen, antaŭ petolema infanaro, kiu tamen streĉe aŭskultas.

La retino ŝatas ricevi la pafon de tute variaj impresoj, kiujn ĉiam sama pejzaĝo --eĉ plej bela!-- neniel povas liveri. Tial, kiel perlo interne de konko, en la homa animo jukas inklino al vagado kaj daŭra migrado, en direkto al tiu fantazia kaj tamen reala kurteno, kiu --loga dekoracio de malproksima fono-- neniam atingebla, sed ĉiam gardante egalan distancon, ĝentile donacas kompense la ĉarmon de novaj scenoj kaj bildoj, laŭ takto de nia marŝo...

La tekniko, en senhalta progreso, akcelis la ritmon de niaj paŝoj. Preskaŭ sen bezono de la piedoj, dank' al modernaj veturiloj, kiuj, persekutante la horizonton, kuras, flugas aŭ navigas, trans montojn kaj valojn, marojn kaj riverojn, oni venas al popoloj kaj landoj, kies malsama strukturo aŭ malsamaj kutimoj mildigas la soifon de ties okuloj, prezentante en klara kontrasto la necesan variecon per kiu oni povas fari komparojn kaj tiri konkludojn. Kun forta deziro sperti mem tiajn asertojn, pasintan someron, akceptante bonkoran inviton de tre karaj nederlandaj geamikoj, Izak kaj Alida Schoon, ĝoje mi demarŝis pasporton, pretigis valizon kaj planis vojaĝon ĝis la bela Nederlando.

Tuj post la debatoj de nia landa kongreso en Barcelono, la kataluna ĉefurbo, kuraĝe mi eniris en internacian medion kaj amike rilatis kun afablaj gesamideanoj, kiuj forigis malfacilaĵojn kaj glate ebenigis la vojon de mia pilgrimo. Al ili do mian sinceran dankon! Kaj nun, en rapida projekcio, sekvas kelkaj palaj bildoj de neforgeseblaj tagoj, belaj kiel plej bela sonĝo: Jen do Nico, la kosmopolita plezurejo, brilianto en la Lazura Marbordo, apud Aspremont --idilia ripozejo inter montegoj-- kaj Monako, tiu opereta princlando, kun fama kazino, kiu ankoraŭ montris signojn de festoj ĵus okazintaj pro la princa geedziĝo. Post la pompo de la lukso, jen la pompo de laboro: Marseille, la grandioza havenurbo, nunjara fokuso de la esperantismo kaj simbolo de kreopova potenco. Jam en direkto al nordo, Lyon logis min pro sia eleganta grandsinjoreco, kiu plej alte elstaras pro tio, ke la hejmaj teksiloj, senĉese prilaborante silkon, aŭdigas melodion de arta metio en kvietaj kvartaloj, kiel plaĉa komplemento por luksegaj avenuoj, preter vastaj parkoj. Sekvanta halto estis en Parizo, la tutmonda metropolo, kun la malfermitaj brakoj de ĝiaj gajaj bulvardoj, la trezoro de ĝiaj muzeoj kaj la *mustardo* de ĝiaj kabaredoj. Multe kaj multe mi gapis antaŭ ol ekmarŝi antaŭen ĝis Bruselo, la belga ĉefurbo, miraklo de iluminado dum la nokto kaj koncerto de brua svarmo, dum la tago, pro surstrataj laboroj preparantaj imponajn instalaĵojn por la Universala Ekspozicio, kiu tie okazos venontjare. Apenaŭ mi havis tempon por eta rigardo al la grava haveno de Antverpeno, meze jam de flandra atmosfero, ĉar la vagonaro kuregis por rapide gliti sur la tinkturita kanvaso de la nederlandaj kampoj: Bone ordigitaj vilaĝoj, belaspektaj dometoj, kun ruĝaj brikoj kaj ruĝaj tegoloj, kiel ilustraĵoj troveblaj en libroj pri feinoj. Jen do jam en Nederlando!...

Fina etapo de mia vojaĝo venis, kiam la vagonaro haltis en la stacidomo de Haarlem, ĉarma urbo en la regiono de la tulipoj, kie la kvartaloj havas poeziajn nomojn. Tie, en domo n.º 9 de la cikonio-strato, en la bird-kvartalo, kompreneble, mi loĝis ses semajnojn, kiel en propra hejmo. Tiel ekstrema estis la ĝentileco de ges-roj Schoon, ke plej zorge mi evitis esprimi --eĉ hazarde-- deziron pri ia frandaĵo aŭ vizito, ĉar tuj post tio, kvazaŭ pro efiko de sorĉo, la diligento de miaj geamikoj transformis la deziron en realon. Mia miro atingis kulminon en iu dimanĉa mateno, kiam tute surprize mi fariĝis *ŝipano* en boato de Henny --sola filino de miaj geamikoj-- kaj ŝia simpatia edzo. Sur tiu flosanta dometo, mi pasigis ravajn horojn, kiel fabela princo, rigardante de sur molaj kusenoj la panoramon, kiun montris la bordoj de la kanaloj. Alia neforgesebla epizodo estis veturo, en

aŭtomobilo de S-ano Goedejohan, ĝis la impona form-digo de la Suda Maro, titana verko pri kiu la nederlandanoj rajtas fieri. Sed, pli ordinare, kun miaj du geamikoj, en gaja triopo, ŝerce alnomita *la tri vagabondoj*, ade mi ekskursis per trajno, per aŭtobuso aŭ per tramo; ankaŭ promene mi piediris aŭ *kamparane* gapis kaj eĉ aroge rajdis sur biciklo, kiun... S-ro Schoon pedalis, eĉ tra la trafiko de ĉefaj ŝoseoj.

Tiel, mi povis rekte kunvivi kun la nederlanda esperantistaro, kiu aktive laboras en modele organizitaj grupoj, kie abundas la virinoj kaj oni flue parolas nian lingvon. Akceptante inviton de pluraj el tiaj rondoj, mi prelegis antaŭ ili pri la hispana historio kaj folkloro, ankaŭ pri la vivo de Cervantes kaj pri lia genia kreaĵo: Don-Kiĥoto! Mi penis agrabligi miajn babilojn por iel instrui kaj distri la aŭskultantojn; ŝajne mi sukcesis, ĉar neniam mankis la premio de varmaj aplaŭdoj, rompintaj la profundan silenton, kiu regis en la salonoj, kiam mi parolis. Ho, kiel atente, kiel streĉe aŭskultas la nederlandanoj! Kaj, kia plezuro estas paroli al ili!... Dum la daŭro de mia tuta vivo, restos freŝaj en mia memoro la lokoj, kie per emociaj vortoj mi bildigis rapsodion pri kantoj, muziko, dancoj kaj moroj de diversaj hispanaj regionoj.

Rondiro komenciĝis per tuttaga ekskurso al la tipa insulo Marken; tio ebligis koni pitoreskan popoleton, kiu uzas ankoraŭ karakterizajn kostumojn. Agrabla surprizo estis, ke la estro de la ŝipeto, sur kiu ni marveturis, S-ro J. Visser, estas esperantisto; tre ĝentile li komplimentis min. Fronte de la insulo, sur la kontinento, kuŝas Volendam, alia tipa vilaĝo, sed kun malsamaj kostumoj, ankaŭ ordinare uzataj. Tie, naive mi *falis* en ruzaĵon de miaj geamikoj, ĉar preskaŭ senscie mi trovis min inter ili, nederlandane alivestita, antaŭ la balgo de tripieda fotografaparato; mi devis do konvene pozi... antaŭ ol iri al Purmerend, trankvila urbeto, kie oni inaŭguris la serion de miaj prelegoj. Ŝatata rememoraĵo estas la donaco, kiun tie mi ricevis: disko kun viveca kanzono pri Amsterdam, kiu furoris pasintan someron tra tuta Nederlando. En sekvantaj tagoj, la programo disvolviĝis laŭ jena ordo: Alkmaar, taŭga scenejo kaj fama centro de la fromaĝ-produktado; por konfirmi tion, oni donacis al mi bongustan specimenon. Ede, alia industria loko, kies ĉirkaŭaĵoj kun vastaj erikejoj havas propran personecon, gastigis min tutan dimanĉon; sekvis Wormer, meze de fora kamparo, same kiel Schagen, nomo de vilaĝeto neforgesebla por mi, ĉar, dank' al klopodoj de fervora S-ano J. Winkel, mi havis tie la plezuron paroli al petolema infanaro, kiu tamen plej streĉe aŭskultis min, en bela modernstila lernejo, kun ĉeesto de la lernejestro.

Amersfoort sekvis en la vico, kun ege simpatia samideanaro. En la ĉefurbo Hago, pro subita malsaneto, mi ne povis roli en la preparita kunveno. La tasko daŭris en Leiden, kie tiom da fervoruloj zamenhofas. Kulmino estis en Amsterdam, la gaja metropolo. En luksa salonego de Hotelo «Americain» kun iom da emocio, mi parolis kaj parolis, antaŭ multenombra publiko dum du longaj horoj, timante pli ol mian laciĝon tiun de la aŭskultantoj... Sed feliĉe, tio ne okazis! Pro teknikaj kaŭzoj ne estis aranĝo en Rotterdam, la impona urbo tute rekonstruita. Sed, en la nova sidejo de U. E. A. mi ĝuis afablan akcepton de F-ino M. Vermaas, kies helan delikatecon oni facile perceptas en la ŝika instalo. Bonan ŝancon mi havis por konversacii telefone kvin minutojn kun D-ro Ivo Lapenna; ankoraŭ nun ondas ĉe mia orelo la vibroj de lia klara forta voĉo.

La cirklon mi fermis en Haarlem, mia daŭra restadejo, dum speciala adiaŭa kunveno en saloneto de restoracio. Sekvantan matenon, mi forlasis tiun landon, kie regas honesteco sen sekretoj. Pro tio la domoj ĉiam sin montras kun malfermitaj fenestroj... **LUIS HERNANDEZ**



**Inter Alida kaj Izak Schoon, en gaja triopo, kun la tipa kostumo de vilaĝo Volendam.**

EL PAGO PUNTUAL DE LA COTIZACION DEBE SER UNA SATISFACCION Y UN ORGULLO

**Sabiendo que ello estimula a la Redacción para mejorar el contenido y la presentación del Boletín**

**Socio de número: 15 pesetas - Socio abonado: 50 pesetas - Socio protector: 80 pesetas.**

Los socios protectores reciben DOS ejemplares. Abonos para el extranjero, con franqueo: 50 pesetas. Toda la correspondencia debe enviarse a nuestra dirección oficial:

Los giros deben hacerse siempre a nombre de D. Ernesto Hurtado - Pelayo, 7 - Valencia

## LERNU TRADUKANTE!

**Provizore ni ĉesigas ĉi tiun sekcion, anstataŭigante ĝin per la nova-malnova rubriko «Interlingva Paralelo»**

Sendis al ni korektajn tradukojn de la tasko de Novembro, samideanoj J. Saladrigas, E. Padrao, E. Marín A. Martínez, E. Pons, S, Roca, R. Ayala, I. Luis, A. Núñez, V. Monsalve, M. Fernández kaj E. E. Yelland; kaj de la tasko de Decembro, samideanoj R. Ayala, A. Martínez, E. E. Yelland, E. Padrao, E. Marín, E. Pons, Isabel Luis kaj S. Roca. Atingis 10 poentojn samideanoj J. Saladrigas, E. Pons kaj R. Ayala. Ili ricevos la premiojn.

**La poentoj gajnitaj en ĉi tiu sekcio validos ankaŭ por aldoni al tiuj de la «Sfinksa Anguleto»**

***Jen unu el la ricevitaj tradukoj de la tasko de Novembro:***

Alia stranga maljunulino el la ĉirkaŭaĵo estis sinjorino Benjamina, kiun oni nomis per la alnomo sinjorino Pitusa. Sinjorino Pitusa estis malgranda maljunulino, kun kurba nazo, tre vivantaj okuloj kaj malbela malpura buŝo. Ŝi kutimis almozi ĉe la preĝejo de Jezuo kaj ĉe tiu de Montserrat; ŝi ĉiam diris, ke al ŝia familio okazis multaj malfeliĉoj kaj monperdoj; eble ŝi pensis, ke ĉi tio pravigis ŝian emon al brando. Sinjorino Benjamina trakuris grandan parton de Madrido, almozante kun diversaj pretekstoj, sendante plorigajn leterojn. Ofte, je noktiĝo, ŝi staris en stratangulo, kun nigra vualo kovranta ŝian vizaĝon, kaj surprizis la preterpasantojn per ia tragika raporto, dirita kun teatra tono; ŝi asertis, ke ŝi estas vidvino de generalo; ke ĵus mortis ŝia filo dudek-jara, la sola subtenanto de ŝia vivo; ke ŝi havis nenion por havigi al li mortotukon, nek por ekbruligi kandelon por lumigi lian kadavron.

***Kaj jen unu el la ricevitaj tradukoj de la tasko de Decembro:***

Ok jarojn antaŭe, doktoro Acosta rekomencis la geografiajn studojn de sia junaĝo, klopodante efektivigi aliajn novajn por respondi la demandojn, kiujn oni faris al li, kaj krome por kontentigi sian scivolon, ekscititan en la nova medio, en kiu ŝajnis vivi ĉiuj saĝuloj de lia tempo. Hispanoj komencis okupiĝi pri malkovroj de novaj teroj, vidante la progresojn de la najbara Portugalujo. Ĉi tiu lando, preskaŭ ĉiam malamika --malgraŭ la geedzaj kunligoj inter la du monarkioj--, sentante sin izolita de la Eŭropa vivo, pro la barilo de Kastiljo, situanta je ĝia dorso, serĉis ekspansion en la Oceano. La ĵus unuigita Hispanujo havis ankaŭ oceanajn marbordojn kaj deziris porti al ili la iniciativojn de siaj maristoj, kiuj ĝis tiam speciale agadis en la Mediteraneo.

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

**Para vegetar basta absorver el alimento y respirar el aire atmosférico; pero esta labor que las plantas realizan, sin moverse del sitio en que nacieron, no puede ser hecha por el animal sin poseer sentidos con órganos especiales de relación, ya que necesita buscar los materiales que le han de sustentar, eso por una parte, y por la otra, defenderse de sus enemigos y procurar encontrar su pareja para perpetuar la especie.**

De una conferencia del competente filólogo y médico Dr. J. A. Borrás.

### TRADUKO

Por vegeti sufiĉas sorbi la nutron kaj enspiri la atmosferan aeron; sed, ĉi tiu laboro, kiun la plantoj efektivigas, ne movante sin de la loko en kiu ili naskiĝis, ne povas esti farita de animalo sen posedo de sentumoj kun specialaj rilatigaj organoj, tial ke ĝi bezonas serĉi la materialojn, kiuj devas ĝin nutradi --tio je unu flanko-- kaj, je la alia, defendi sin de siaj malamikoj kaj klopodi trovi sian parul(in)on por daŭrigi la specon.

El prelego de la kompetenta filologo kaj kuracisto D-ro J. A. Borrás

NUR TIU LIBRO ESTAS VERE MALBONA, KIU INSTRUAS NENION! *Plinio*

**PRI LA ENIGMOJ EN LA DU PASINTAJ NUMEROJ**

Ni ricevis korektajn solvojn de la enigmo n.° 42, el samideanoj M. Fernández, P. Naranjo, S. Roca, E. Padrao, E. Calvet, P. Reyes, R. Ayala, J. Peñalver, R. Bastardas, V. Monsalve kaj A. Núñez; de la enigmo n.° 43, el samideanoj P. Naranjo, E. Padrao, A. Núñez kaj V. Monsalve; kaj de la enigmo n.° 44, el samideanoj E. Calvet, S. Roca, P. Naranjo, Pedro Reyes Salinas, J. Armadans, Eduardo Padrao kaj R. Ayala.

Atingis jam 10 poentojn samideanoj V. Monsalve kaj S. Roca, ni do sendas al ili la premiojn.

**SOLVO DE LA ENIGMO N.° 42**

*Horizontale:* 2 Miasm. 3 Ĉio. Ero. 4 Ravas. 5 Trans. Sifon. 6 Kapriol. 7 Erpu. Ulno. 8 Termino. 9 Flami. Lerta. 10 Indio. 11 Var. Niz. 12 Osmio.

*Vertikale:* 2 Tarif. 3 Ĉar. Lav. 4 Akuta. 5 Morna. Emiro. 6 Aspirin. 7 Valv. Dume. 8 Asimili. 9 Mesio. Neono. 10 Fluor. 11 Ovo. Tez. 12 Nenia.

**SOLVO DE LA ENIGMO N.° 43**

La hundo haltos, kiam ĝia rapideco ekatingos, proksimume, 340 metrojn po sekundo, t. e. same kiel tiu de la sono. Tiam, la metala bruado ne estos aŭdata de la hundo kaj, kompreneble, ĝi haltos.

La rapido de la sono dependas de la temperaturo en la aero. Je O°: 331 m/sek., kaj je 15°: 340 m/sek.

**SOLVO DE LA ENIGMO N.° 44**

*Horizontale:* 2 jofuT. 3 Pro. Ono. 4 Estim. 5 Frost. Lapis. 6 Perkuti. 7 Vaĉi. Real. 8 Taktiko. 9 otsoT. Nugat. 10 Rapir. 11 Fat. Tru. 12 Okaza.

*Vertikale:* 2 Flako. 3 Per. Tof. 4 opitS. 5 joesE. Aorto. 6 Strikta. 7 otiT. Praa. 8 Ilumini. 9 Tomat. Kurta. 10 Pirog. 11 Oni. Agu. 12 Start.

> *La vera amo estas la plej ĉasta el ĉiuj ligoj.*
>
> J. J. ROUSSEAU.

## SFINKSA ANGULETO

**LA MISTERA KVADRATO**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ |
| ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ |
| ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ |
| ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ |
| ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ |
| ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ | ❖ |

**Jen kvadrato kun 36 signoj. Forstreku 12 el ili, sed laŭ tiel lerta maniero, ke en ĉiu vertikala kaj horizontala vico restos ĉiam egala nombro da tiaj signetoj.**

Solvoj estos akceptataj ĝis 10. Februaro. Ĉiu, kiu sendos ĝustan solvon, gajnos du poentojn. Dek poentoj donos rajton, kiel kutime, al libropremio.

**LA NOMOJ DE LA TRI REĜOJ**

Kiel sciate, la festo de la tri Reĝoj (6. Januaro) estas grava evento por la hispanaj infanoj, kiuj kun ĝoja kaj naiva kredo atendas ilin por ricevi ludilojn kaj frandaĵojn. La nomoj de tiuj tri sanktaj orientaj suverenoj aperis unuafoje en la jaro 798ª, sur la paĝoj de latina manuskripto de la Nacia Biblioteko en Parizo.

En tiu antikva skribaĵo oni legas: «*...Magi autem vocabantur Bithisarea, Melichior et Gathaspa*».

Armena aŭtoro asertas, ke la ĥaldeaj nomoj de la tri Reĝoj estas jenaj: *Kaghba, Badadilma, Badadakarida;* nomoj, kiuj tamen tiel ŝanĝiĝis en greka lingvo: *Appelios, Amerios, Damaskos* kaj en hebrea lingvo: *Magalath, Galgalath, Sarakin.* Kaj, fine, en hispana lingvo jen la tri samaj nomoj: *Melchor, Gaspar, Baltasar.*

—Unu litron da vino por mia onklo!
—Ĉu blanka aŭ ruĝa?
—Tio ne gravas. Mia onklo estas blinda.

> *La literoj estas hieroglifaj signoj, kiujn la materio oferas al la spirito.*
>
> LAMARTINE.

# HISPANA KRONIKO

## VIGLA AKTIVECO REGIS EN LA VALENCIA RONDO, OKAZE DE LA ZAMENHOF-TAGO

La Valencia esperantistaro, ĉiam avangarde por publika elmontro en ĉiu oportuna momento, celebris la Zamenhof-tagon per diversaj kaj variaj aranĝoj.

Sabate, 15. Decembro, en salono de la literatura societo «Amigos de la Poesía» okazis brila prelego de S-ro Luis Hernandez; antaŭ klera multenombra publiko, kiu dense plenigis la vastan salonon, D-ro Herrero faris la prezenton per trafaj enkondukaj vortoj. Tuj poste, S-ro Hernandez parolis dum unu horo kaj duono, flue kaj verve, kiel kutime, pri la agrablaj impresoj ricevitaj en la vojaĝo, kiun li faris tra Nederlando dum la pasinta somero. Kvazaŭ per filmo sen ekrano, streĉe li kaptis la atenton de la tuta aŭskultantaro, kiu *vivis* la etoson de epizodoj kaj scenoj, respegulantaj nederlandajn kutimojn kaj morojn, laŭ fluo de lia kolorriĉa parolado, kiu havis fortan resonon, ankoraŭ post pluraj tagoj, per laŭdaj privataj komentoj kaj tre favoraj opinioj, en multaj konversacioj, pro elstaraj recenzoj de la urba gazetaro.

Vespere, en la sama tago, pli ol sesdek gesamideanoj sidis ĉirkaŭ tablo, en centra restoracio, por la jam tradicia bankedo, en kiu ne mankis bona apetito kaj bona humoro, kun plena harmonio, kiu alte rangis ĉe la tostoj kaj gaje pompis por la gejunuloj en la balo, kiu daŭris, tute senlace, ĝis malfrua nokto.

Matene, en la sekvanta tago, dimanĉo, en bela kapelo de moderna preĝejo, honore al la Dipatrino de la Espero, oni amase ĉeestis en meso, kiun celebris nia samideano Pastro López D. F. M. kiu faris kortuŝan predikon en Esperanto pri la virtoj de la Espero. Poste, oni kune marŝis al la apuda strato D-ro Zamenhof, sur kies tabulon oni metis, kiel omaĝon, grandan kronon el freŝaj folioj de laŭro.

Posttagmeze, en salono de societo «Montepío de la Dependencia Mercantil», ampleksa familia rondo kunvenis por agrable pasigi la tempon, inter babiloj kaj amuzoj, por logi kaj ligi la novajn gelernantojn en la vicojn de nia Movado.

Unu semajnon pli poste, sabate, 22. Decembro, la junulara sekcio aranĝis festvesperon, en kies disvolviĝo, pli ol cent ĉeestantoj aŭskultis elektitajn muzikaĵojn, kiujn ludis per piano kaj violono progresintaj muziklernantoj de la ĥora societo «El Micalet». Krom tio, estis ankaŭ prezentitaj klasikaj kaj popolaj kantoj, inter poeziaĵoj, kun la konvena spico de spritaĵoj kaj anekdotoj en la paŭzoj.

A. P. SAURA.

**En urbo Las Palmas, de la kanaria arkipelago, la tiea Esperanto-Grupo Universitata, kiu vigle kaj trafe laboras, celebris la tagon de D-ro Zamenhof per duonhora elsendo, tra la anteno de «Atlantiko-Radio». kio vekis grandan intereson inter la vasta aŭskultantaro. Oni prezentis elektitajn pecojn de muziko, oni deklamis belajn originalajn poemojn, kun la koncerna traduko, kaj oni skize rakontis pri la aŭtoro de Esperanto; pro la multaj ricevitaj gratuloj ni rajtas vidi tre bonajn perspektivojn en tiu paradiza insularo kaj malproksima provinco**

## GEEDZIĜO INTER SVEDA SAMIDEANO KAJ HISPANA ESPERANTISTINO

Unue, agrabla korespondado kaj poste efektiva renkontiĝo inter F-ino Margarita Zulueta, el la Valencia Grupo, kaj S-ro Lennart Edman, el Kil (Svedio) venis fine al feliĉa rezultato, en dimanĉo de pasinta Decembro, kiam ili ambaŭ solene geedziĝis antaŭ multenombra amika ĉeestantaro, en la altaro de preĝejo de la sveda urbo Sunne.

La tuta ceremonio okazis en Esperanto, ĉar honore al la samideana paro, la ĉefpastro Johannes Lindberg, ankaŭ esperantisto, sanktigis kaj benis la geedziĝon meze de vere internacia atmosfero. Kiam la religia soleno finiĝis, oni almarŝis al la gepatra hejmo de la nova edzo. Tie, tre gaje kaj bonhumore, ĉirkaŭ la geedziĝa torto, oni levis en tosto la glasojn, kun plej bonkvalita hispana vino, por esprimi gratulojn kaj bondezirojn. S-ro Nordling, fervojista pensiulo, bele salutparolis je nomo de la urba esperantistaro. Ankaŭ ni, tute sincere kaj ĝoje —kvankam iom malproksime— sendas al la bela Margarita, iama lernantino en niaj kursoj kaj ĉiam gaja akompanantino en ekskursoj kaj festoj, la ateston de nia espero, ke daŭre feliĉe ŝi vivos apud la fervora edzo, kiun dank' el Esperanto ŝi trovis en la norda sveda lando por abunde lin regali per la bonaj kvalitoj, kiujn ŝi posedas, kiel helaj reflektoj de la hispana temperamento.




**LA POLVO DE L' MORTO.** Ilustrita, 44-paĝa broŝuro, formato 13 x 18 cm. — Eldono de la Plenumkomitato por Kontraŭ-Atombomba Rezolucio de la 41-a Kongreso de Japanaj Esperantistoj, ĉe KLEG: Nakacu-hamadoori 2 — 20, Oojodo-ku, Osaka, Japanujo. Prezo ne indikita.

Post la terura tragedio de Hiroŝima kaj Nagasaki, kun pli ol 250 mil senkulpaj viktimoj, la japana popolo spertas nun la domaĝojn de la nukleaj eksperimentoj, fare de fremdaj potencoj. La radioaktiva polvo, disĵetita pro la eksplodo de hidrogenbombo sur Bikini, la 1.an Marto 1954, malpurigis la marakvon kaj falis sur multajn fiŝkaptistajn boatojn, precipe sur la japanan ŝipeton «Fukurju-maru n-ro 5«, okazigante la brulvundigon de ĝiaj 23 ŝipanoj kaj la postan morton de unu el la plej grave vunditaj. La damaĝoj de tiu bedaŭrinda okazaĵo estas nekalkuleblaj. Kaŭze de la difektiĝo de miloj da tunoj da fiŝoj, oni malpermesis la disvendadon de tiu ĉefa manĝaĵo por japanoj, ordonante ĝian enterigon. La paniko estis nepriskribebla, tial ke multenombraj personoj jam estis manĝintaj atomfiŝojn. Pro timego al la radioaktivaĵo fermiĝis grandnombraj fiŝbutikoj, kaj la fiŝista komerco paraliziĝis en Japanujo. La mondo estis terurita pro la eksperimentoj de tiaj amasmortigaj armiloj; sed, post domaĝo ne venis saĝo, ĉar ne pro tio ĉesis la provado de nukleaj armiloj. La grandaj potencoj daŭre fabrikas bombojn A, H kaj tiel plu. Ni memoru, kio okazis en Hiroŝima kaj Nagasaki, kiam sur tiujn du kompatindajn urbojn defalis la unuaj du atombomboj, kiuj, en komparo kun la modernaj bombegoj, estis infanaj ludiloj. Laŭ opinio de kompetentuloj, kvar bomboj H povus forblovi la tutan Japanujon; sed, por dezertigi landojn kiel Anglujo, Germanujo, Francujo, ktp., sufiĉus du el tiuj superbomboj. La homaro ankoraŭ ne tute bone komprenis la grandegan danĝeron, kiu minacas ĝin. Ne gravas jam veti cent kontraŭ unu, ke iu granda potenco superas alian per nukleaj bomboj, ĉar ĉiu el ili posedas pli ol sufiĉan stokon por la kompleta detruado de ĉiuj urboj de la mondo, por la koncerna ekstermado de la homa vivo sur nia planedo. Ni fidu, ke oni ne riskos provoki tian hekatombon, eĉ se nur estas pro tio, ke neniu profitus el tiu tutmonda dispolviĝo; sed, ni ne forgesu, ke en kiu ajn momento, tio estas ebla... Por rememorigi al ni ĉi tiun senprecedencan danĝeron, kiu pendas super la homaro, oportune aperis ĉi tiu libreto, «La Polvo de l' Morto», originale verkita en tre korekta lingvo. La Kongreso de Japanaj Esperantistoj tiel apelas la konsciencon de la tutmonda samideanaro, partopreni en la kampanjo por la ĉesigo de la nukleaj eksperimentoj, por la abolicio de tiaj armiloj, kun la celo savi la homaron de la minaco de neniiĝo, kaj povi ekmarŝi ĉiuj homoj, ŝultron ĉe ŝultro, sur la vojon al glora estonteco, tial ke la atomenergio, same povas pereigi la homan genton, kiel konstrui por ĝi paradizon sur la tero. Dependas nur de la bona aŭ malbona uzo, kiun la aŭtoritatuloj faros el ĉi tiu mirindaĵo de la scienco, la dua fajro en la historio de la Homaro.

**Ricardo Quiles.**

---

**BREVE HISTORIA DEL ESPERANTO** de Daniel Quarello, eldonita de «Asociación ECO» (strato Carlos Calvo, 1322) Buenos Aires (Argentinio). Prezo ne indikita.

Ĉi tiu hispanlingva broŝuro atingis sian duan eldonon. Tra la legado oni rigardas rapidajn sciigojn pri la unuaj klopodoj por eltrovi iun artefaritan lingvon, ĝis la apero de Esperanto; sekvas skemo pri la fundamento de nia lingvo.

La broŝuro estas taŭga propagandilo por la hispanaj landoj; bedaŭrinde, oni ne povas el Argentinio eksporti librojn.

---

**ESPERANTO POR INFANOJ,** de G. Gladstone Salomon. Kvara eldono (sume 17.000 ekzempleroj). Eldonita de THE ESPERANTO PUBLISHING COMPANY LTD., Richmasnworth-Anglujo. Prezo 14 pesetoj. Akirebla ĉe nia Libroservo

Ni estas antaŭ la 4.a eldono de efika lernolibro, grava provo de favora akceptado. La enhavo estas tre amuza por infanoj kaj eĉ por aĝaj personoj; la metodo tre meritplena por bona lernado en elementaj kursoj. Ni varme rekomendas la libron al la Esperantaj instruistoj kaj ni garantias la rezulton, ĉar jam de longe kaj plensukcese ni uzas ĝin en niaj kursoj.

Ĉi tiu nova eldono estas sur pli bona papero kaj la formato pli malgranda ol la antaŭaj, sed eble pli praktika.

**R. Molera.**




**Tute senceremonie, familiare, obeante naturan impulson, jen mi aperas persone antaŭ vi. Jes, mi estas tiu knabeto, kiun tre ofte vi nomas kara, mi estas via tutmonde konata ido, mi estas... BOLETIN. Bone mi scias, ke plej akurate vi zorgas pri mia ekzistado, pri mia eduko, pri mia aspekto... Sed, ankaŭ mi scias pri la multaj penoj de mia kuratoro —repezentanto via, en formo de redaktoro— por sane min nutri, digne min vesti aŭ dorlote min regali, tra la kreskanta ondo de multekosteco. Tial, do, via nomo, en la listo de libervolaj donacoj, atestos pri eleganta gesto de spirite materia subteno al mia vivo, kiu pro tio efektive nur al vi apartenos.**

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a ENERO 1957)

| | | |
|---|---|---|
| F. Sisón - Zaragoza | 5 | Ptas. |
| S. Gumá - Reus | 5 | » |
| S. Roca - Cabrils | 5 | » |
| R. Albero - Burjasot | 5 | » |
| S. Manrique - Santo Domingo | 5 | « |
| A. Núñez - Pamplona | 10 | » |
| P. Alcedo - Bilbao | 10 | » |
| A. Pastor - Bilbao | 20 | » |
| S. Arizmendi - Eibar | 10 | » |
| R. Ayala - Barcelona | 10 | » |
| F. Pallás - Valencia | 25 | » |
| J. Armadans - Moyá | 10 | » |
| J. Arroyo - Cartagena | 5 | » |
| J. Aragay - Barcelona | 10 | » |
| R. Cortijo - Lérida | 10 | » |
| R. de Luna - Barcelona | 10 | » |
| E. Roca - Tarrasa | 10 | » |
| J. Devís - Valencia | 10 | » |
| A. Costa - San Mateo | 5 | » |
| J. Casanovas - Gerona | 20 | » |
| L. Serrano - Osorno | 5 | » |
| L. Ramírez - Vera | 15 | » |
| Esperanto-Fako - Santa Coloma | 10 | » |
| F. Santacruz - Barcelona | 5 | » |
| F. Roglá - Valencia | 10 | » |
| R. Gisbert - Barcelona | 10 | » |
| T. de la Cruz - Barcelona | 10 | » |
| A. Gil - Santillana | 10 | » |
| V. Perles - Miraflor | 20 | » |
| Total | 295 | » |

*Ya hemos empezado. Ahora, ¡adelante!*

## VIVO SAMIDEANA

*Al ges-anoj M. López Serna, el Callosa de Segura, la 29an de la pasinta Novembro, naskiĝis du ĝemeloj, Manuel kaj Lorenzo. Nian koran gratulon!*

**Prosperon kaj sanon en la Nova Jaro 1957"**

deziras al ĉiuj siaj estimataj geamikoj

Izak kaj Alida Schoon kun filino Henny kaj edzo
OOIEVAARSTRAAT, 9
**HAARLEM - N (Nederlando)**

## ANONCETOJ

### GRUPOJ: ATENTU!

Ankoraŭ ni havas stoketon de Zamenhof-portretoj, kiujn la Industria Lernejo de Sabadell speciale teksis per silko en 1909, okaze de la Universala Kongreso en Barcelono. Ekzempleron oni donacis al la Majstro. Antaŭ ol la kvanto elĉerpiĝos, estas konvene, ke ĉiu Grupo aĉetu unu portreton. Prezo: 50 pesetoj po ekzemplero, kiun oni ricevos per rekomendita poŝto. Mendoj al S-ro Vicente Hernández Llusera
Avda. Ejército Español, 59
SABADELL (Barcelona)

S-ro W. V. Gend — Meidoornplein, 14 HAARLEM (Nederlando) deziras korespondi pri kulturo kaj popolaj kutimoj

S-ino Th. A. Smit-Rous-Rijnstraat, 215 III Amsterdam Z. deziras korespondi kun patrinoj kaj dommastrinoj.

S-ino Catkr. de Rooy - Marco Polo straat, 44, I Amsterdam W. deziras korespondi kun virinoj pri ĉiuj temoj.

S-ro Karel Erben — str. Náméstí, 11 MILLETIN u Horic v Podkrk (Ĉeĥoslovakio) dez. interŝanĝi gazetojn, filatele afrankitajn poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn.

S-ro Hristo D. G. Kazakov, str. Podelenie, 65-640 B. KOLOROVGROD (Bulgario) deziras korespondi kun hispaninoj.

S-ro Kazimierz Badowski — L. S. C. Konarskiego, 52 m 9 - KRAKOW (Pollando) deziras ricevi el ĉiuj landoj plej lastajn ilustritajn katalogojn de trikfabrikaĵoj (ĉefe tiuj faritaj per «Elastic» - maŝino) nome: viraj, virinaj, infanaj —precipe suĉinfanaj— vestoj kaj subvestoj. Volonte mi kompensos la kostojn al la sendintoj, laŭ ilia deziro, kaj premios la plej belajn el la senditaj katalogoj per valoraj kaj luksaj polaj esperantaj eldonaĵoj.

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA